# INTERNACIA



# ĴURNALISTO

JARO XXI, n-ro 3
septembro-decembro 1982

Organo de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

## UNESKO KAJ LA RESPONDECA LABORO DE LA ĴURNALISTOJ

La rolo de UNESKO en la internaciaj rilatoj estas tre grava, necesa kaj utila. En tiu organizaĵo membras 153 landoj el la tuta mondo. Ĝi okupiĝas pri projektoj kaj programoj, esploroj kaj aktivecoj kun tro signifoplenaj praktikaj rezultoj; organizas senĉese reprezentajn renkontojn, konferencojn, seminariojn, helpas al la evoluantaj landoj, laborantaj kontraŭ la analfabeteco, eldonas plurajn librojn, disvastigas filmojn, radioprogramojn, diapozitivojn ktp. Unesko havas bonegan rilaton al la Internacia lingvo Esperanto - ja Universala Esperantista Asocio estas en konsultaj rilatoj kun ĝi. Estas sciate, ke la ĝenerala direktoro de Unesko s-ro Amadu Mahtar M'Bow partoprenis la Universalan Kongreson de Esperanto en Reykiaviko (Islando) kaj salutis persone ĝin.

Unesko kaj ties ĝenerala direktoro havas tre favoran rilaton al la ĵurnalista profesio kaj al la laboro de la ĵurnalistoj. Ĝi mem eldonas 26 gazetojn kaj revuojn en dekoj da lingvoj kaj estas por libera kaj justa internacia amasa informado kaj komunikado, insistas por la evoluado de la amasinformiloj, por ĝiaj teknikaj ekipadoj, kaj speciale en la liberiĝintaj el koloniisma jugo landoj en Afriko, Ameriko, Azio ktp.

En la lastaj jaroj kaj speciale dum la j.k. plimultiĝis la faktoj de persekutado de ĵurnalistoj en kelkaj landoj pro ilia justa informado kaj honesta pritakso de diversaj enlandaj aŭ alilandaj eventoj kaj faktoj. Unesko ekstaris defende al la persekutitoj. Ĝi eĉ proponis, ke oni organizu enketojn kontraŭ similaj agoj, sed aliaj internaciaj organizaĵoj - okcide-

ntaj eldonejoj, gazetmonopoloj kontraŭstaris tion. La ĝenerala sekretario de IOJ s-ro J.Kubka sendis la lastan printempon oficialan leteron al s-ro Amadu Mahtar M'Bow, klarigante, ke de pli ol ses jaroj, apogitaj de Unesko, la internaciaj ĵurnalistaj organizaĵoj strebis fondi specialan komitaton por protektado de persekutataj, troviĝantaj en danĝero, ĵurnalistoj, kio estas des pli necesa post la kruela murdo de la kvar nederlandaj ĵurnalistoj far de salvadoraj registaraj armitaj taĉmentoj.

Plifortiĝas la faktoj de persekutado de ĵurnalistoj diversmaniere. Iuj el ili estas eksigitaj, restante senlaboraj, aliaj - timigitaj per eksigo, turmento, atakoj. Kaj multaj jam pereis sur sia nobla profesia posteno. Laŭ la statistiko de la agentejo France-Presse, depost 1950 ĝis marto 1982 pli ol 250 ĵurnalistoj estis mortigitaj, plenumante siajn profesiajn devojn, aliaj - konekse al ilia laboro: 72 pereis dum la usona agresmilito en Hindoĉinio, 16 en Koreo, 14 en Libano, 24 en Tajlando, 2 en Cipro, 5 en Ugando ktp. Pluraj ĵurnalistoj estis murditaj en Ĉilio post la reakcia militista puĉo, en Argentino 31 estis mortigitaj kaj 40 estas malaperintaj post marto 1975; en Nikaragvo la somosistoj murdis kvar ĵurnalistojn dum la jaroj 1978-1979; en Gvatemalo 19 ĵurnalistoj mortigitaj dum 1978-1981. Laŭ France - Presse, post la mortigo de la kvar nederlandaj kolegoj, la morton trovis ankoraŭ kvin kolegoj, aŭ entute dum 1980 ĝis aprilo 1981 (laŭ la salvadora Ĵurnalista Unuiĝo) estas murditaj 12 ĵurnalistoj. La nombro de la mortigitaj post tiu dato certe plinombriĝis.

Per plastbombo oni mortigis la koleginon Rut Farsten Maouto-Mozambiko.

En la izraela milito en Libano kaj Bejruto pereis la ĵurnalistoj Kamal Uduan, Samir Darius, la kolego kaj verkisto Madĵid Abu Sarar, la Radio-ĵurnalistino Inam Fares, Gasan Kanafani - ĵurnalisto, verkisto kaj pentristo. Kruele vundita estis la kolego Matian Bekir

ka‿ aliaj.

Multaj kolegoj mortis per kurloj, napalmo, kast- kaj vakuo-bomboj ankaŭ dum la kruela buĉado-murdado en la palestinaj loĝtendaretoj en Bejruto. Tiam pereis miloj da palestinanoj - geknaboj, geavoj, gejunuloj kaj inter ili - multaj ĵurnalistoj.

Do, en la lastaj jaroj pereis senkulpaj ĉirkaŭ 300 niaj gekolegoj kaj ili pereis, ĉar kuraĝe, pasie, konvinke, alloge diradis la veron.

Jen kial Unesko, kune kun la ĵurnalistaj - landaj kaj internaciaj - unuiĝoj rajte klopodas fondi komitaton por defendo de la rajtoj de la ĵurnalistoj, defendo de ilia libera laboro,de ilia vivo. La monda socia opinio subtenas energie tiun defendon, postulante certigon de libera informada sendependeco por la evoluantaj landoj, por libera, sendanĝera profesia aktivado de niaj kolegoj en ĉiuj landoj. Tion postulas ĉiuj ĵurnalistoj kaj internaciaj ĵurnalistaj asocioj, tion postulas ankaŭ nia Tutmonda Esperantista Jurnalista Asocio. Ni subtenas la klopodojn de Unesko tiurilate.



MARSO 1982

Antaŭ nelonge en Cipro okazis kunsido de la jam fondita Internacia komitato por defendo de la ĵurnalistoj, kiu pritraktis tiun gravan problemon kaj decidis pli aktive zorgi kaj protekti niajn kolegojn kaj ties laboron.

Iv.Es.

# AL PLI VIGLA AKTIVECO

## (JARKUNVENO DE TEĴA EN ANTVERPENO)


OLAV THORMODSEN

Post vigla antaŭkongresa korespondado inter la estraranoj de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA) kaj interŝanĝo de opinioj pri la estonta agado de la asocio kaj speciale pri la urĝa neceso pliviglig̃i ĝin, estis decidite okazigi ĝeneralan **kunvenon** de TEĴA en la kadro de la 67-a UK de Esperanto en Antverpeno ĉi-jare.

La 28-an de julio 1982 en unu el la salonoj de la Reĝa Zoologia Ĝardeno, disponigitaj al la kongresanoj, okazis la regula kunveno de TEĴA, kiun partoprenis pli ol 25 membroj, reprezentantaj landojn.

La kunvenon malfermis s-ro OLAV THORMODSEN (Norvegio), prezidanto de TEĴA. Per varmaj salutvortoj li bonvenigis la ĉeestantojn kaj esprimis sian kontenton pri la manifestita intereso al la kunveno de nia asocio. Li skizis la malfacilajn kondiĉojn, ĉe kiuj laboras kaj aktivas la E-ĵurnalistoj en diversaj landoj pro la streĉiteco en la internaciaj rilatoj. "Tamen - emfazis s-ro Thormodsen - ni faras ĉion eblan plenumi nian ĵurnalistan devon, por kontribui al la interkompreniĝo kaj al la amikaj rilatoj inter la popoloj en la tuta mondo; kontribui al la pli kaj pli fruktodona apliko de Esperanto en la ĵurnalistaj medioj." En sia mallonga parolado s-ro Thormodsen altiris la atenton de la ĉeestantoj pri la neceso de pli vigla profesia aktivado per- kaj por Esperanto.

Al la eldiro de s-ro Thormodsen aliĝis la vicprezidanto de TEĴA s-ro TADROS MEGALI (Egiptio-FRG), kiu koncize konigis al la ĉeestantoj sian malfacilan vivon en sia lando, samkiel en Okcidenta Eŭropo (nun li konstante loĝas en FRG) kaj en aliaj landoj de la mondo. "Estas vere necesa obstina kaj sindona laboro por ke niaj noblaj celoj estu konigitaj

al la pli vastaj medioj en la tuta mondo. Ni devas penetri en diversajn nacilingvajn eldonaĵojn kaj ties paĝoj, per la radio kaj la televizio ekparoli pri kaj por Esperanto, varbi novajn adeptojn de la Internacia lingvo kaj de TEĴA inter niaj gekolegoj" -diris s-ro Megali.

La partoprenantoj en la kunveno aŭskultis informon de Nikola Aleksiev pri la ĝisnuna agado de TEĴA kaj pri la eldonlaboro de la asocia organo "Internacia Ĵurnalisto". "Ni devas tamen fari decidajn paŝojn por vigligi la kunlaboron de TEĴA-anoj al nia organo, plinombrigi niajn vicojn kaj utiligi ĉiujn eblecojn starigi personajn konraktojn kaj profesian kunlaboron inter kolegoj el diversaj eldonaĵoj, konvinki ilin subteni ĉiuflanke la aferon de la E-movado kaj la monda paco" - diris N. Aleksiev.

Preskaŭ la samajn sugestojn faris perletere s-ro Germain Pirlot (Belgio).

Post vigla pridiskuto de la eldiroj kaj informoj, la partoprenantoj faris celkonformajn proponojn por la pliaktivigo de TEĴA-anaro kaj pri ties kunlaborado al siaj gazetoj, radio, televizio ktp kaj al la Esperantaj amaskomunikiloj kaj speciale al "Internacia Ĵurnalisto". Donĉo Hitrov - prezidanto de l' Internacia Ligo de Esperantistaj Foto-Kino-Magnetofono (ILEF), proponis kunlaboron de TEĴA kaj de ILEF, "... ĉar - li substrekis - ne povas ekzisti nuntempa ĵurnalistiko sen uzado de foto, kino kaj magnetofono - la plej modernaj rimedoj de komunikado". S-ro Megali subtenis la proponon, konsiderante ĝin celkonforma kaj valora. Estis decidite, ke ambaŭ organizoj unuigu sian agadon, agu komune, konservante sian sendependecon kiel fakaj UEA-organizaĵoj. La asocia organo "Internacia Ĵurnalisto" disponigos kelkajn paĝojn al ILEF - kiel ties tribunon pri la aferoj kaj problemoj de la Ligo.

Tiu ĉi interkonsento grave kontribuos al la pliviglígo de la agado de ambaŭ organizoj.

Tiamaniere la membroj de ILEF laŭdezire povas estiĝi "B"-membro de TEĴA. Simila ku-

nlaboro de du fakaj organizaĵoj estas senprecedenca kaj multpromesa!

N.Aleksiev transdonis salutojn kaj bondezirojn de Ivan Keremidĉiev-Esperov, vicprezidanto de TEJA kaj ĉefredaktoro de la asocia organo "Internacia Ĵurnalisto", kaj liajn bedaŭrojn pro malebleco partopreni persone la kunvenon pro gravaj engaĝoj.

La partoprenantoj esprimis sian deziron pri elekto de novaj estraranoj de TEJA, kio okazos venontjare dum la 68-a Universala Kongreso de Esperanto en Budapeŝto (Hungario).

FORPASIS GRANDA ESPERANTO-PUBLICISTO

Antaŭ nelonge forpasis la konata Esperanto-publicisto SEMION NAUMOVIĈ PODKAMINER (naskita en 1900).

Li estis profesia sciencule, rektoro de Altlernejo por civilaj amiadistoj en Leningrado. Sed li ne ŝlosis sin en la kabineto de inĝeniero-scienculo. Tre frue, jam kiel studento, li aliĝis al la Esperanto-movado en Sovetio kaj fariĝis unu el la gvidpersonoj de tiu movado. Li estis sekretario de LKK, organizinta la kongreson de SAT en 1926 en Leningrado. La plej lasta posteno, kiun li okupis, estis vicprezidanto de Asocio de sovetaj esperantistoj kaj prezidanto de Sovetia MEM - sekcio. Dum jardekoj ĝis sia lasta spiro li estis membro de Leningrada packomitato.

Al la plumo de S.H.Podkaminer apartenas multaj publikaĵoj. Li estas unu el la plej elstaraj Esperanto-publicistoj. Karaktera por lia plumo estis la scienca aliro al la problemoj.Li ne permesis skribi eĉ linion, se li anticipe ne kontrolis kiel statas la aferoj el vidpunkto de faktoj. Sed li ne nur estis fidela al la faktoj de la vivo. Li ankaŭ scipovis fari profundajn science bazitajn konkludojn kaj praktikajn proponojn. Atinginte la estimindan aĝon de 80-jarulo, li ne ellasis eĉ por momento sian plumon kaj daŭre verkis pri gravaj esperantaj temoj. Aktiva publicisto - elstara pacbatalanto! Estu ĉiam memorata lia sekvinda aktiveco! Sofio,N.Aleksiev

# 100-JARA JUBILEO DE H. ALĈEVSKA

(1882-1931-1982)

Se oni malfermos la kalendaron de UNESKO por 1982, oni trovos tie, apud la nomoj de mondfamaj sciencistoj, artistoj, pentristoj, sociagantoj, verkistoj kaj ĵurnalistoj, postlasintaj memorindan spuron en la evoluo de l'homaro, ankaŭ la nomon de la nobla filino de ukrajna popolo - la verkistino kaj aktiva ĵurnalistino Hristija Alĉevska.

Kiu estas tiu virino?

Ŝi devenas el familio de famaj kulturaj agantoj de Ukrajno. Sur paĝo 178 de la multvoluma ukrajna enciklopedio oni mencias kvinfoje tiun ĉi familion.

La plej juna ido de tiu rimarkinda familio estas Hristija Alĉevska. Ŝi naskiĝis en u.Harkov, finis tie gimnazion kaj dank' al la malavara subteno de sia frato - konata kantisto, ŝi povis studi en Francio. Reveninte sian patrolandon ŝi sekvis dum unu jaro la kursojn de la Harkova Altlernejo.

Ek de sia frua junaĝo Hristija revis "Feliĉo en libero, pri ard' ĉiama en batal', pri la trezor', kaŝita en popolo."

Malgraŭ, ke ŝia ĉefa profesio estis la pedagogio (ŝi instruis la francan lingvon en mezlernejo), ŝi ne limigis sian socian agadon nur per la instruado. Ŝi dediĉis multajn fortojn al ĵurnalismo, al poezio, al literaturo. Ŝi propagandis per la gazetaro la neceson de malkovro de lernejo en ĉiu vilaĝo. La ĵurnalistino de Kievo Marija Luhovikivna detale prilumis tiun socian agadon de Hristija Alĉevska en sia artikolo, aperinta en la ukrajna monata revuo "Soveta virino" (n-ro 3, 1982).

Tiu fama ĵurnalistino kaj socia agantino estis aŭtorino de la revolucia marŝo "Ek al batalo! Post ni sin levos ĉiuj homoj sklavigitaj!" La muzikon komponis ŝia frato, profesia komponisto. Unue publike plenumis tiun marŝon alia ŝia frato, la kantisto. Sed la rezulto estis: minaco al la aŭtorino fare de la cara malliberejo... La patrino apenaŭ sukcesis savi sian talentan

filinon...

Tiu talenta ĵurnalistino-poetino estis ne nur brava patrioto de sia sklavigita popolo, sed samtempe konsekvenca internaciisto, havanta multajn kontaktojn kun elstaraj personoj el la tuta mondo. Inter ŝiaj fremdlandaj amikoj kaj korespondantoj estis ankaŭ Henri Barbusse (Anri Barbjus). Dum sia studado en Parizo Alĉevska havis la feliĉon konatiĝi kun la heroino de Pariza Komunumo Louice Michel (Luiz Miŝel) kaj verkis pri ŝi en 1930 draman poemon.

Ŝi forpasis en 1931 ne atinginte aĝon eĉ de kvindekjarulino Tiu modesta, nobla kaj sindona heroino de la plumo estis tutmerite enlistigita de UNESKO kiel tutmonde memorinda persono.

Kiev, Ukrajno — Nadija Andrianova

- - -

A T   N T O N, N I  P E T A S !

Laŭ la statuto de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio, en landoj, kie estas ĝis kvin membroj de TEJA, ili elektas inter si unu reprezentanton de nia asocio; kie estas pli ol kvin membroj, ili elektas unu komitatanon. La komitatanoj kaj la reprezentantoj de TEJA gvidas la asociajn aferojn en la respektiva lando: ili reprezentas nian asocion kie estas necese, varbas novajn membrojn, k lektas la membro- (abon) kotizon ktp kaj subtenas kontaktojn kun la estraro de la asocio kaj la redakcio de "Internacia ĵurnalisto".

Ni petas: La membroj de TEJA en lando, kie ne estas reprezentantoj aŭ komitatanoj, bonvolu tuj elekti inter si konvenajn kolegojn por tiu ofico kaj sendi iliajn adresojn al la Estraro de TEJA kaj samtempe al la redakcio de "I J". Se necese la Estraro de TEJA mem nomos ilin provizore.

# I O M  P R I  I L E F

Antaŭ dudek jaroj, en 1963, dum la 48-a Universala Kongreso de Esperanto en Sofio, Bulgario, esperantistoj el diversaj landoj okupiĝantaj pri foto, kino kaj megnetofon-amatorado kaj subtenantaj inter si kontaktojn, interkonsentis pri starigo de oficiala faka UEA-organizaĵo. Tiel naskiĝis la INTERNACIA LIGO DE ESPERANTISTAJ FOTO-KINO-MAGNETOFON-AMATOROJ (ILEF). En la fonda kunveno estis akceptita ĝia statuto kaj elektita la estraro de la organizaĵo.

ILEF starigis al si perspektivajn taskojn por atingi kiel eble plej vastskale la disvastigon de Esperanto pere de sia specifa kaj ege moderna aktivado. La organizaĵo estas politike neŭtrala. Ĝiaj plej gravaj taskoj estas unuigi kaj prizorgi la laboron de ĉiuj landaj tiuspecaj organizaĵoj kaj de unuopuloj - amatoroj en la kampo de fotado, filmfarado kaj surbendigo per magnetofono. ILEF instigas la krean laboron de siaj membroj kaj faciligas iliajn interrilatojn, helpas ilin (laŭeble) pri provizo de necesaj materialoj. La Ligo organizas regule foto-ekspoziciojn kaj konkursojn, kinofestivaletojn kaj renkontiĝojn de siaj membroj en internacia aŭ en regiona skaloj, kunlaborante kun aliaj, neesperantistaj organizaĵoj sur tiu ĉi kampo kaj efektivigas ŝanĝon de sperto. La ĉefa tasko de ILEF estas, per siaj aranĝoj, propagandi Esperanton inter neesperantistaj medioj kaj interesigi ilin pri ĝia reala utilo.

Eĉ supraĵe traleginte la ĉefajn celojn de ILEF, oni povas konvinkiĝi pri la grava rolo de la Ligo en la sistemo de E-fakaj organizoj. La laborkampo de ILEF estas vastega kaj ĉiu agemul-amatoro facile povas trovi sian lokon en ĝiaj vicoj. Membro de ILEF povas esti ĉiu scipovanta aŭ lernanta Esperanton, kiu klopodus disvastigi la Internacian Lingvon kaj aktive okupiĝus pri iu el la aktivecaj de la Ligo.

La organiza strukturo de ILEF estas: a) jarkonferenco dum Universalaj E-kongresoj; b) Liga Estraro: prezidanto, organiza

sekretario-kasisto, sekciestroj de foto, kino kaj magnetofon-sekcioj, redaktoro de la liga organo (aŭ respondeculo pri la propagandaj aferoj de ILEF). Ĉiu aparta sekcio kaj unuopa membro de ILEF agas konforme al la Statuto de la Ligo.

En multaj landoj ankoraŭ ne ekzistas specialaj landaj ILEF-organizaĵoj, pro tio grava devo de ĉiu unuopa membro de ILEF estas klopodi pri fondo de simila organizaĵo aŭ klubo, kiu aliĝu al ILEF kaj agu celkonforme al la taskoj de la Ligo.

Dum la 67-a Universala kongreso de Esperanto en Antverpeno, Belgio, la jarkunveno de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA) akceptis la proponon de la Estraro de ILEF pri unuiĝo de ambaŭ organizaĵoj, kiuj laŭ siaj aktivadoj estas ĵurnalistaj. Ĉiu el ili konservas sian sendependecon kiel faka organizo en UEA, sed la jarkotizoj estas egalvaloraj por ambaŭ organizoj kaj ĉiu pagita jarkotizo en unu el la organizoj aŭtomate estiĝas ankaŭ membro de TEĴA kaj ILEF.

Laŭ interkonsento kun la Estraro de TEĴA kaj kun ties ĉefredaktoro s-ro Ivan Keremidĉiev-Esperov, ILEF disponos pri kelkaj paĝoj en la organo de TEĴA "Internacia Ĵurnalisto", sur kiuj ni povos trakti ILEF-problemojn. Ni devas profiti tiun eblecon kiel eble plej utile kaj ĝis kiam ni havos nian propran presorganon, ni estu aktivaj kaj regulaj korespondantoj al "Internacia Ĵurnalisto"!

Se vi zorgas pri la prospero de Esperanto, se vi deziras starigi indajn kontaktojn inter la monda esperantistaro, aliĝu al ILEF kaj TEĴA - vi estas bonvenintaj!

DONĈO HITROV

Prezidanto de ILEF

---

**LA ESTRARO DE TEĴA KAJ LA REDAKCIO DE "INTERNACIA ĴURNALISTO" KORE GRATULAS LA NOVJARAJN FESTOTAGOJN AL SIAJ MEMBROJ KAJ LEGANTOJ KAJ BONDEZIRAS AL ILI SANON, FELIĈON KAJ PLIAJN SUKCESOJN EN TIES NOBLA PROFESIO.**

**Intervjuite s-ro ROMESH CHANDRA - prezidanto de la Monda Konsilio de la Paco - respondas demandojn de ĵurnalistoj.**

S-ro Romesh Chandra, Vi estas fama kaj longjara ĵurnalisto, kia estas la loko de la ĵurnalistoj en la batalo por paco?

Respondo: Hodiaŭ antaŭ la vizaĝo de la mensogoj, submetataj de iuj rimedoj por amasinformado en Usono kaj en aliaj landoj, la ĵurnalistoj havas ekskluzive gravan taskon - diri la veron, prezenti la faktojn tiel, kiel ili estas, kaj ne nur informi pri la danĝero de nuklea milito, sed ankaŭ montri kiuj havas profitojn de la militarmado, de la produktado de novaj armiloj por amasa ekstermo.

Kiaj estas la senprokrastaj taskoj de la monda movado por paco?

Respondo: En la momento estas du realaĵoj. De unu flanko ĉiam pli danĝera fariĝas la nuklea minaco. De alia - la pli granda ol ĉiam estas la deziro de la homoj vivi en paco. Kreskas la danĝero, sed kreskas ankaŭ la movado por paco. Necese estas ke tiu movado kresku ankoraŭ pli rapide ol la nuklea minaco. Kaj rezulte de tio oni evitu la militon!



Milko Dikov

-==ooOoo==-

---

Ŝanĝo de adreso: Adam Pavljukovec, 220094 Minsk - 94, Pr. Rokossovskogo S-1-168 USSR.

- - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - -

## TEĴA KONDOLENCAS



MARINKO ĜIVOJE - elstara jugoslavia esperantisto, publicisto, sciencisto, verkisto kaj ĵurnalisto - membro de TEĴA forpasis dum la printempo de la k.j. Tiu funebra sciigo tre dolore batis la korojn de liaj kolegoj, amikoj, kunlaborantoj. Li mortis nur sesdektrijaraĝa. La tutmonda esperantistaro memoros bonkore pri la agema kongresa sekretario de dudeko da jaroj de UK de Esperanto. Ĉiam senlace laborema, afabla, energia, ridetanta. Ĝivoje verkis kelkajn librojn, redaktis jugoslavajn E-gazetojn, 38 jarojn sindonadis favore al la jugoslavia, al la internacia E-movado. Omaĝe al lia memoro la Gazetara Servo de la UK de UEA en Antverpeno portis lian nomon.

Ni, liaj amikoj kaj kunlaborantoj, ne forgesos tiun ĉarman esperantiston kaj ĵurnaliston.

Es.Perov

- - - o o o - - -

ŽELJKO TAKAČ (1927-1982), ĵurnalisto kaj verkisto, membro de TEĴA, forpasis en Zagrebo (Jugoslavio). Li lernis Esperanton en 1947, gvidis multajn kursojn, faris grandan prelegvojaĝon en Norvegio (kies honorkonsulo li estis) kaj ofte verkis nacilingve pri Esperanto. Unu el liaj rakontoj estas publikigita en la antologio "Tridek tri rakontoj 1964). Kelkajn jarojn samideano Takač estis fervora reprezentanto de TEĴA.

---

Novaj membroj de TEĴA:

- Richard Howard, str.Pivovarnicka 4, 18000 Praha ČSSR
- František Haszprunár, Stelnična 1971, 18200 Praha,ČSSR
- Oskar Stolberg, 7010 Leipzig, Auenstrasse 14 - GDR
- Aivar Liepinš, Madona E-klubo, Madona 1, PK 25 SU-229220, Latva SSR, USSR.

- - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - -

# TRA LA GAZETARO

## ESPERANTISTOJ POR PACO

Sub tiu titolo en ĉefartikolo de Komuna Esperanto-Gazeto (KEG), organo de la Federacio de E-organizoj en Nederlando (Nederlanda E-Asocio, Laborista E-Unuiĝo, Kristana E-Unuiĝo kaj Katolikaj Esperantistoj skribas pri gravaj landaj problemoj tiel:

"...Krom la solvado de la senlaboreco, elstara problemo estas lokigo de krucrakedoj. Fakte la problemo estas pli vasta:temas pri la vojo elektenda por atingi tutmondan pacon kaj eviti nuklean katastrofon."

Krome KEG mencias pri la "Pacsemajno" en Nederlando, organizata ĉiujare dum septembro far de pacamantoj (civitanoj, laboristoj, eklezianoj kaj neeklezianoj kaj aliaj, partoprenataj ĉi jare de centoj da miloj de nederlandanoj ankaŭ de esperantistoj.

"...Ne malprave - skribas KEG -la Monda Esperanto-Movado dissendis cirkuleron, el kiu ni citas la jenon:"Nia kara Esperanto povas helpi al la interkompreniĝo de diverslingve parolantaj popoloj...". "Se ni...amikiĝos, certe neniam poste ni volos batali unu kontraŭ la alia".

KEG mencias ankaŭ pri la porpaca ĉenletero de "Virinoj por paco", adresita al la landaj registaroj kaj al la Unuiĝintaj Nacioj, kiu ankoraŭ rondiras la E-movadon kaj unuigas la pacamajn strebojn de tutmondaj esperantistinoj.

KEG ofte publikigas interesajn materialojn. Ĝi havas regulajn rubrikojn: "Lingva rubriko por la progresinto", pri lingvaj problemoj, kiel en n-ro 8 de septembro, en kiu D-ro W.A.Verloren van Themaat en sia artikolo "Ĉu Esperanto estas senkultura?" inde defendas la Internacian Lingvon kontraŭ nekompetentaj eĉ sciencistoj kritikantoj.

## "HEROLDO" ĈIUTAGE

Sub tiu titolo "Heroldo de Esperanto" - kongresa n-ro 1 de 25-a de julio 1982, anoncas sur ĉefa loko, ke okaze de 67-a UK en Antverpeno aperigos kaj disdonos senpage al la kongresanoj ĉiutage kvin n-rojn de "Heroldo". Dank' al la bona organizado de la redaktoroj tiu promeso estis plenumita. Ĉiutage dum la kongreso la kongresanoj ricevadis senpage la 2-paĝajn eldonaĵojn. Krom la prikongresaj materialoj "Heroldo" donis koncize ĉc informojn internaciajn. En n-ro 1 subtitole estas presita la informo "Centmil subskriboj pri malarmado" okaze de la iniciato de la Kvakera E-Societo. Tiuj subskriboj, donitaj de UEA kaj Bulgara Esperantista Asocio al UN, kolektitaj en Bulgario, estas kontribuo de esperantistoj al la paco.

# EL LA TUTA MONDO

EN ĈINIO, laŭ "Esperanto-information" de presservo de Svisa Esperanto-societo, nuntempe 60 000 ĉinoj lernas la Internacian Lingvon. Ekde komence de 1982 aperis plia E-perio'aĵo, aldone al la internacie konata "El Popola Ĉinio". Temas pri "La mondo", preskaŭ kompleta ĉiulingva kaj destinita al la enlanda E-movado. Dum la unuaj ses monatoj de sia ekzistado "La mondo" jam atingis 6 mil abonantojn. (El "Budapeŝta Informilo"), n-ro 11/1982.

## UTILA ĴURNALISTA AĠADO

GAZETARO DE LATVA SSR
PRI ESPERANTO

En 1981 la gazetaro de Latva SSR informis pri la Internacia Lingvo kaj la esperantista agado - 27 ĵurnaloj kaj revuoj (el ili 9 respublikaj), entute per 115 materialoj. Plej ofte pri Esperanto kaj esperantistoj dum la jaro skribis la respublikaj periodaĵoj "Padomju Jaunatne" (ĵurnalo por junularo - 11 artikoloj), "Cīna" (6), urba ĵurnalo "Rīgas Balss" (9) kaj ĵurnaloj de distriktoj Madona (12), Stuĉka (9), Balvi (6), Gulbene (6), Kuldiga (6).

Krom tio pri la vivo de la latvaj esperantistoj skribis periodaĵoj de kelkaj aliaj sovetaj respublikoj.

1981 sendube estis sukcesa en la gazetaro de Latvio. Multaj ĵurnaloj pri Esperanto informis la unuan fojon. Tio pruvas pri la aktiviĝo de la esperantistoj en la respubliko.

Ankaŭ ĉi-jare oni regule publikigas priesperantajn materialojn.

Aivar Liepinŝ,
prezidanto de Madona E-klubo "Egma"
SU-229220, Latva SSR, Madona-1, pk 25

### ĴURNALISTA RENKONTIĜO KONTRAŬ LA NUKLEA MILITO

Dum septembro j.k. okazis renkonto de ĵurnalistoj el Usono kaj USSR, kunvokita de la unio de gazeteldonistoj en New Ingland, kiu posedas 94 ĉiutagajn gazetojn en tiu regiono. La baza temo de la renkonto estis la malpermeso de la nuklea milito en la mondo. La prezidanto de tiu unio s-ro N.Monserat substrekis, ke la krea dialogo inter reprezentantoj de la inteligentularo de USSR kaj Usono devas plivastiĝi. "La ĵurnalistoj el ambaŭ landoj per siaj verkoj devas pruvi la neceson kaj vivrajton de la paca kunekzistado de la popoloj" - emfazis la prezidanto.

- - - o o o - - -

# Ricevitaj esperantaĵoj

TIMUR KAJ LIA TAĈMENTO de Arkadij Gajdar. Tiu tre populara libro-romano por junuloj estas tradukita en multajn lingvojn kaj filmita. El la rusa tradukis ĝin en Esperanton E.S.Parvirtajlo, kaj (la kantojn) R.Grinŝpan. Eldonis Hungara E-Asocio, Budapeŝto, 72 paĝoj.

GEORGO DIMITROV - elstara bulgara patrioto kaj internaciisto. Referaĵoj kaj salutoj prezentitaj dum la scienc-praktika konferenco, dediĉita al la 100-a datreveno de la naskiĝo de G. Dimitrov, okazinta je la 5-6 de junio 1982 en Sofio, Pernik kaj vil.Kovaĉevci. Sofio 1982, eldonita ofsete en 110 paĝoj.

SKIZOJ pri la historio de Bulgara Esperanto-movado, eldonita de BEA okaze de la 75-jariĝo de Bulgara Esperantista Asocio. Aŭtoroj de la apartaj skizoj: Canko Murgin, Dimitar Papazov, Nikola Aleksiev, Ivan Keremidĉiev, Hristo Gorov, Georgi Dolapĉiev. Eldonita ofsete de BEA en 1982, Sofio. Ilustrita,paĝoj 144, eldonkvanto 1500.

GEORGI DIMITROV KAJ LA SANPROTEKTADO - prelego de M.Lukanova, tradukis el bulgara prof.d-ro Kiril Popov - Sofio,1982.Eldono de BEA - Medicinista Sekcio, okaze de la 100-jara datreveno de la naskiĝo de G.Dimitrov. Paĝoj 16.

GEORGO DIMITROV KAJ LA BATALO DE LA LABORISTA KLASO EN URBO PERNIK (Bulgario) - broŝuro de Milan Stojanov, eldonita okaze de la 100-jara jubileo de la fama laborista gvidanto. Eldono de BEA, ofsete, paĝoj 56 - Sofio, 1982.

UNUAJ PIONIROJ DE LA ESPERANTO-MOVADO EN BULGARIO - skizobiografio - de d-ro Boris Nedkov, ilustrita libreto,40-paĝa.Eldonis BEA ofsete.

AL AKTIVA PACBATALO! - de Nikola Aleksiev. Kolekto de artikoloj pri la paco kaj pri MEM - agado, 54-paĝa libreto, ilustrita, eldono de Bulgara komitato de MEM, Sofio 1982.

ESTONA PANORAMO - belaspekta, bone ilustrita libro, 136-paĝa. Kompilis la materialojn Gunnar Paal. Estona Panoramo prezentas allogan revuon pri la plej gravaj vivofakoj de Soveta Estonio kaj prezentas en bildoj kaj vortoj la nuntempon de la popolo kaj la lando. Eldonejo "Periodiko" - Tallin.

ŜLOSILO DE ESPERANTO por bulgaroj, 30-paĝa. Kompilis Marin Bâcev, redaktis K.Valev. Eldonis BEA, Sofio, 1982.

DOLĈA GUTO DE L'PACO - fabeloj, legendoj, rakontoj el antikva kaj nuntempa Vjetnamio. Tradukis Minh Kinh kaj Dang Dinh Dam, paĝoj 52. Fremdlingva eldonejo, Hanojo.

SEPTEMBRA POEZIO - versaĵoj pri la unua en la mondo antifaŝista ribelo. Aŭtoroj - bulgaraj poetoj. Tradukoj de bulgaraj E-poetoj. Paĝoj 44. Eldonis Bulgara Esperantista Asocio.

# Nía poŝto

A. Agosti, Nederlando. Dankon pri la leteroj kaj la gazetoj. Ni abonis por vi: "Bulgara-n Esperantisto-n" kaj "Paco-n".

E.Ratassepp, Estona SSR. Dankon pri la informo. Ĉu inter tiuj 400 kolegoj partoprenintaj la semenarion estas esperantistoj, kun kiuj oni formu sekcion de TEĴA? Bonvolu sendi al la redakcio iliajn adresojn.

Oskar Stəlberg, Leipzig, DGR. Ni enlistigis vin kiel membron de TEĴA. Vi ricevos la organon "Internacia Ĵurnalisto". En ĝi estas informoj, pri kiuj vi interesiĝas. Ĉu vi povus eltrovi kolegojn - esperantistojn, kun kiuj oni fondu E-sekcion de TEĴA. Sendu al la redakcio iliajn adresojn. Anticipan dankon!

Germain Pirlot, Belgio. Ni petas vin pri la sama afero, kiun ni tuŝis en 1 notoj al la supraj kolegoj Ratassepp kaj Stolberg. Krome, bonvolu sendi al ni ian artikoleton, eseon, informon priĵurnalistan.

Aivar Liepinŝ, Latvia SSR. Vi jam estas membro de TEĴA kaj ricevos "Internacia-n ĵurnalisto-n". La supraj petoj al Ratassepp, Stolberg kaj Pirlot) rilatas ankaŭ al vi.

Internacia Presse Agentejo, Zagreb, Jugoslavio. Dankon pri la sendaĵo. En n-ro 1 (1983) ni aperigos en IĴ informon pri via agado. Intertempe bv informi nin pri viaj ĝisnunaj sukcesoj.

- - - - - - - - - - - - - - - - - -

## ESTRARO DE TEĴA

Prezidanto - Olav Thormodsen, Box 59,5501 Haugesund - Norvegio.

Vicprezidantoj: Ivan Keremidĉiev-Esperov, kv."Borovo" bl.219 B, 1680 Sofia, Bulgario. Li estas ankaŭ ĉefredaktoro de "Internacia ĵurnalisto".

Tadros Megali, D-8387 Rossenbach, Untergrafendorf, F.R.Germanio.

Nikolaj Danovskij - 226014 Riga 14, ul.Ostrovskago 4-4 USSR.

Ĝenerala sekretario kaj kasisto: Dino Fabris, Borgo Rossan 5, Cittadella (Padova) Italio.

Membro - estrarano: Donĉo Hitrov, 1000 Sofio, ul."Asparuh" 61, Bulgario. Li estas ankaŭ redaktoro de IĴ.

Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, 1680 Sofia, kv.Borovo, bl.219 III, Bulgario, tel 56-58-77. Redaktoroj: Nikola Aleksiev kaj Donĉo Hitrov. Teknika aranĝo: Evgeni Georgiev.